

# La Amsterdama Katedro

**Informilo pri agadoj rekte ligitaj al la katedro pri Interlingvistiko kaj Esperanto ĉe la Universitato de Amsterdamo.**

Kompilas: Wim Jansen (WJ)
Aperas: komence de ĉiu kvaronjaro
Kiel: PDF-dosiero alkroĉita al retcirkulero
Reagu al: wimjansen@casema.nl

Numero (7) 3/2009, julio 2009

---

*La Amsterdama Katedro* estas kvaronjara retbulteno, kiu informas pri ĉiuj agadoj, rekte ligitaj al la speciala katedro pri Interlingvistiko kaj Esperanto ĉe la Universitato de Amsterdamo (UvA). Por la estraroj de Internacia Esperanto-Instituto (IEI) kaj de la LA de UEA *Esperanto Nederland* ĝi estas kvazaŭ perioda raporto pri la stato de institucio, kiun ili kune financas. La bulteno direktas sin al ĉiuj interesitoj en la Esperanto-movado, kiuj trovu en la enhavo stimulon por diskonigi la ekziston kaj la rolon de la katedro, kaj ideojn por sia propra informado pri Esperanto.
Ĉi tiu dokumento estis aktualigita la 10an de julio 2009 kompare kun la versio de la 2a de aprilo.

**La ĉefaj projektoj**

**Instr-E** Kiam vi legos tiun ĉi rubrikon, la katedra kurso de Esperanto, kiu komenciĝis la 3an de februaro, estos finita. Partoprenis ĝin 14 studentoj de diversaj fakoj en la humanisma fakultato. La kurso finiĝis per du ekzamenaj sesioj je la 2a kaj 9a de junio. Laŭ la celo de la kurso ni devus finstudi la kompletan lernolibron *Esperanto via de directe methode* de Stano Marček, kaj denove tiu bona intenco ne tute, sed preskaŭ realiĝis. Pro la intensa komuna ekzerciĝado ni foroferis tiom da tempo, ke la fina parto de la participa temaro (-int, -it, -ont, -ot) restis nediskutita. Ankaŭ spontanaj kaj malfacile regeblaj debatoj pri gramatikaj problemoj kutime perdigas iom da tempo. Sed la studentoj preferas trejniĝi bone ol trairi iun laŭplanan kvanton da papero, kiun digesti ili ne sukcesus en la tempo rezervita. Kaj, krome, la plezuro, kiun donas la kurso, kaj la stimuloj pliprofundiĝi en la lingvon estas tre valoraj.

**Instr-I** La 1an de septembro komenciĝos la ĉiujara kurso pri interlingvistiko. En tiu ĉi momento jam registriĝis 12 studentoj. Pli detalaj informoj aperos en la oktobra numero de tiu ĉi bulteno.

**NTU-E** Seninterrompe, kvankam ne tre prioritate, daŭras la projekto pri elnederlandaj pruntaĵoj, kiuj aperis neologisme aŭ prunttraduke en Esperanto. Post tralaboro de listo de senperaj pruntaĵoj de la nederlanda al la franca kaj germana (el kiuj lingvoj eble plumigris iuj kandidatoj al Esperanto), nuntempe estas la vico de la angla, poste venos la rusa kaj fine estos esplorata la kampo de eventualaj rektaj transprenoj de Esperanto el la nederlanda.

Ĉu la tuta projekto ne povus doni interesajn esplortaskojn por lokaj kluboj aŭ izolitaj membroj, posedantaj propran kolekton de libroj tradukitaj el la nederlanda aŭ revuoj publikigitaj aŭ daŭre publikigataj en Nederlando aŭ Flandrujo?

**Krome**

- Sametaĝe kaj je dekmetra distanco de la oficejo de WJ instaliĝis la usona lingvisto kaj Esperanto-parolanto Leston Buell. Vizitu lian esperantlingvan hejmpaĝon: http://www.fizzylogic.com/users/bulbul/hejmpagxo.html.

- Por studi Esperanton ne nepre necesas registriĝi por la katedra kurso, kiu ĉiujare estas proponata en la dua semestro. Studentoj povas turni sin ankaŭ al la *mediatheek* aŭ memstudejo de la universitato. En tiu komputildekorita salonaro en la Hooft-Domo en Spuistraat oni povas memstare akiri aŭ refreŝigi sian konon de lingvoj laŭ sia elekto aŭ prefero. En februaro Esperanto estis aldonita al tiuj memstare lerneblaj lingvoj, kiuj tamen limiĝas al la *oficiale instruataj* lingvoj en la universitato (al kiuj Esperanto ja apartenas de kelkaj jaroj). La universitato aĉetis po du ekzemplerojn de la lernolibroj de Stano Marček en la nederlanda kaj angla versioj kaj instalis la prononcmaterialon sur la komputilan servilon de la memstudejo, por ke ĝi estu paralele uzebla de pluraj studentoj.

- La 23an de marto, Maarten Hartman, studento pri Eŭropaj Studoj, ricevis de sia ekzamena komisiono permeson prepari magistran disertaĵon pri la temo 'La politika kaj socia diskuto en Eŭropo pri dua, komuna lingvo por ĉiuj civitanoj − Ĉu estas pravigeble inkludi Esperanton en tiu ĉi diskuto?' La studento ankaŭ aliĝis al la tiusemestra Esperanto-kurso. La 24an de aprilo, pro personaj motivoj, la studento retiris sin el sia magistra laboro kaj entute ĉesigis la studon sojle de sia magistriĝo.

- Alia mentora tasko koncernas la studentinon Adi Bramasto, kiu estas preparanta sian bakalaŭran disertaĵon en politikaj sciencoj ĉe la universitato de Padjadjaran en Indonezio. Ŝi faras esploron pri la 'Disvastigo de valoroj en la tutmonda Esperanton parolanta komunumo' kaj estas aktive helpata de WJ kaj de pluraj diverskampaj aktivuloj en la movado (ekz. Corsetti, Dasgupta, Fiedler).

- La festparolado por celebri la enposteniĝon de la katedrulo pri Interlingvistiko kaj Esperanto okazos la 4an de septembro, je la 14:30 horo, en la aŭlo de la universitato, Singel 411. Ĝi estos publika evento por ĉiu interesito. La teksto de la parolado (en la nederlanda lingvo) estos broŝurita de *Amsterdam University Press* laŭ la norma formato, kiun la universitato uzas por siaj katedraj inaŭguroj, kaj estos havebla tuj post la ceremonio. Pripensu, ke estas praktike neeble trovi parklokon por aŭtomobiloj en la ĉirkaŭaĵo de la aŭlo. Se vi volas veni, prefere prenu unu el la tramlinioj 1, 2, 4, 5, 9, 14, 16, 24 aŭ 25, depende de via deveno, kaj eltramiĝu ĉe la haltejo 'Spui'.

- En novembro WJ tenos la Buchanan-prelegon en la Universitato de Liverpulo.

- La kurslibro pri interlingvistiko *Inleiding in de Interlinguïstiek* estas aktualigita por adaptiĝi al la bezonoj de novtipa kurso, kiu estos kombino de prelegoj kaj de 'seminarioj' kaj kies celo estas pli firme ligi la studentojn al la kurso kaj pliaktivigi ilin per la asignado de konkretaj raportendaj esplortasketoj dum la kurso mem. Aldone al la kurslibro, la porkomencanta ekzemplaro kaj ekzercaro de Esperanto *Poŝamiko* fariĝis

deviga studmaterialo. Ĉi-sube vi trovu tabelforman superrigardon de la ŝanĝoj, kiuj estis alportitaj al la enhavo de la kurslibro:

| **Ĉapitroj en la malnova kurslibro** | **En la nova kurslibro** |
|---|---|
| 1 Lingva diverseco kaj internacia komunikado. | 1 Iom koncizigita; sed ĝisdatigita pri la latino. |
| 2 Interlingvistiko kaj planlingvoj. | 2 Esence samtema kaj senŝanĝa. |
| 3 Fragmentoj el la planlingva historio. | 3 Strukture plibonigita; la superrigardo de britaj deksepjarcentaj projektoj estas forigita. |
| | 4 Reverkita kaj tute dediĉita al la lingvo de George Dalgarno, parte el la malnova 3, sed pli kompleta. |
| 4 Volapük. | 5 Samtema, sed iom kompletigita. |
| 5 La frua historio de Esperanto. | 6 Esence samtema kaj senŝanĝa. |
| 6 Historio de Ido kaj Interlingua. | Dividita inter la novaj 9 kaj 10; vidu sube. |
| 7 Tipologio de Esperanto, Ido kaj Interlingua. | Dividita inter la novaj 7, 9 kaj 10; vidu sube. |
| | 7 Detala tipologio de Esperanto (el la iama 7). |
| | 8 La Esperanto-tipologio en geografia perspektivo (*tute nova ĉapitro*). |
| | 9 Historio kaj tipologio de Ido (el la iamaj 6 kaj 7), sed ĉio pri Ido kune en unu ĉapitro. |
| | 10 Historio kaj tipologio de Interlingua (el la iamaj 6 kaj 7), sed ĉio pri Interlingua kune en unu ĉapitro. |
| 8 Strukturaj opcioj en lingvoplanado. | 11 Samtema, sed mallongigita, kovranta la temojn 'morfologia kompleksеco', 'valento', 'geografiaj nomoj' kaj 'skemeco kontraŭ natureco'. |
| 9 Ĝisdatigeblo de la Esperanta vorttrezoro. | 12 Esence samtema kaj senŝanĝa. |
| 10 Historio E-movado ĝis la Dua Mondmilito. | Translokita al 15. |
| 11 Historio E-movado post la Dua Mondmilito. | Translokita al 16. |
| | 13 Frazeologio en Esperanto (*tute nova ĉapitro*). |
| 12 Esperanto kiel literatura lingvo. | 14 Samtema, sed detale plibonigita laŭ la enciklopedio de Sutton. |
| | 15 Historio E-movado ĝis la Dua Mondmilito (laŭ la malnova 10). |
| | 16 Historio E-movado post la Dua Mondmilito (laŭ la malnova 11). |
| 13 Iu estonteca scenaro de Esperanto. | 17 Samtema, sed detale kompletigita per studopropono por EU; senigita je la konkluda subĉapitro de la malnova 13. |
| | 18 Aparte konkluda ĉapitro laŭ malnova 13. |